# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

**N-ro 62**
**Bulteno de KAEM**
**Januaro 2009**

---

## Kion ni faru por azia movado en 2009?

LEE Jung-kee (prez. de KAEM)

La jaro 2009 de Azio atendas nin kun pluraj farendaj laboraĵoj por pliviglig nian movadon. Jen mi notas ilin por ke ni kune cerbumu, kion ni devas fari en tiu ĉi jaro konkrete.

Unue, ni sukcesigu la 6-an Azian Kongreson en Mongolio. La kongreso okazos de la 19-a ĝis la 23-a de junio, 2009 en Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolio. Mi antaŭvidas, ke la kongreso fariĝos festo de tutaziaj esperantistoj pro ĝia geografia unikeco. Precipe, el Ĉinio, Japanio kaj Koreio kiel najbaraj landoj partoprenos grandnombro da esperantistoj. Plie, ne nur azianoj sed ankaŭ neazianoj partoprenos pro ekzotika kaj alloga turismeco de Mongolio.

KAEM faros plejon por sukcesigi la kongreson kun riĉaj enhavoj: kongresa temo, buntaj fakaj kunsidoj, oratora konkurso, nacia vespero, internacia vespero kaj diversaj ekskursoj dum la kongreso. Por sukcesigi la kongreson, se vi havos brilajn opiniojn senĝene turnu vin al LKK aŭ KAEM.

Due, ni vigligu movadon laŭregione. Azio estas giganta kontinento, tial kunlaboro inter longdistancaj landanoj en Azio estas ne tiel facile okazebla. Pro tio, KAEM grupigis la landojn laŭregione: orienta, sudorienta, sudmeza kaj okcidenta Azio. Nun, esperantistoj en la orienta regiono relative ofte renkontiĝas kaj komunikiĝas tra pluraj eventoj, kiuj okazas en la regiono. KAEM forte rekomendas, ke la landanoj en la sama regiono pliofte kontaktiĝu en Esperanto-renkontiĝoj: ekzemple landaj kongresoj, regionaj seminarioj kaj fakaj eventoj. Aparte mi volas akcenti la gravecon de sudorienta regiono por eventuala baldaŭa okazo de UK en la regiono. Mi petas pli aktivan iniciaton de la KAEM-anoj, kiuj estas taskigitaj kiel respondeculoj de la respektivaj regionoj.

Trie, ni havu atenton pri junulara movado. Junulara movado estas aktuala espero de tutesperantistaro. Bonvole, imagu, se ne ekzistus junulara movado, ĉu nuna nia movado povus ekzisti? Feliĉe, lastadecembre la 27-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea junularoj (KS) okazis en Jokohamo, Japanio, kun 56 partoprenantoj el 7 landoj. KAEM gratulas la junularojn pro la sukcesa aranĝo, kaj alte taksas la aktivecon de junuloj, malgraŭ malfacila monda ekonomia situacio.

Mi antaŭvidas, ke la 28-a Komuna Seminario okazos sukcese en Ĉinio en tiu ĉi jaro. Krom orienta Azio, KAEM esperas, ke similaj eventoj okazos de loko al loko en Azio.

Estimataj aziaj gesamideanoj,

Kun forta kuraĝo kaj espero ni puŝu nian movadon por verdigi Azion. Ni, KAEM-anoj, mem klopodos kaj ŝvitos por semi, kreskigi kaj plenflorigi Esperanton en Azio. Memore al la 150-a naskiĝtago de d-ro Zamenhof en tiu ĉi jaro, kun solidareco, ni kune antaŭeniru man-en-mane ĝis la finvenko.

LEE Jung-kee [ I Zun-gi ] / S'losilo / esperanto@saluton.net
(02)777-5881. 010-3340-5936 / Skype ID : leejungkee
Seula Esperanto-Kulturcentro : www.esperanto.co.kr
http://groups.yahoo.com/group/azio

# La 27a Komuna Seminario en Jokohamo

Komuna Seminario (KS) estas junulara evento inter Ĉina, Japana kaj Korea junularoj, kiu ĉiujare kaj alterne okazas en tri aziaj landoj (Ĉinio, Japanio kaj Sud-Koreio). De la 27a ĝis la 29a de decembro 2008 okazis la 27a Komuna Seminario en Junulara Gastejo de Jokohamo kun la partopreno de 56 homoj konsistantaj el 35 japanoj, 14 koreoj, po unu el Ĉinio, Svislando, Malajzio, Usono kaj Hispanio kaj du infanoj. La ĉeftemo estis "Ekologio en ĉiutaga vivo".




**Ridoj, kantoj kaj iom da seriozeco**

Vespere je la 7a horo de la 27a de decembro okazis Inaŭguro. Je la 8a komenciĝis Amika Vespero kaj ludon gvidis Mirejo el Svislando. Je la 9a okazis Kandela Nokto. La seminariejo estis lumigita per kandelaj, en kiu partoprenantoj duope konversaciis.

La 28an, komence okazis Esperanto-kurso gvidata de s-ro Kitagawa Hisasi kaj “Diskuto pri junulara movado en Azio”.

Je la 3a posttagmeze okazis grupolaboro de la ĉeftemo “Ekologio en nia ĉiutaga vivo”, kiun gvidis s-ro Kimura Goroo. Ni faris “Ekologian Manifeston” en 6 grupoj. Poste ĉiuj grupanoj prezentis sian manifeston al aliaj kaj laste ĉiuj donis du voĉojn al la ŝatataj manifestoj. La unuan premion gajnis Grupo 2 kun manifesto “Atente, bone pensu”. Dum la du horoj, ni bone pripensis mediprotektadon en ĉiutaga vivo. Vespere okazis Bankedo en restoracio “Iĉinokura”.

Antaŭtagmeze la 29an okazis Fermo kaj post la tagmanĝo ni promenis de la seminariejo tra la distrikto Minato-mirai, Ruĝbrikaj magazenoj kaj Granda Kajo ĝis la parko Yamasita. La vetero estis ideala kaj ĉiuj ĝuis la promenadon.

**Nuna situacio de la junulara movado en Azio**

Nun funkcias la junulara organizo en jenaj landoj (jaro de fondiĝo kaj aliĝo al TEJO): Japana Esperanto-Junularo (1992, 1994), Korea Esperanto-Junularo (1958, refondiĝo 1981, 1964), Ĉina Junulara Esperanto-Asocio (1993, 1993), Vjetnama Junulara Esperantista Organizo (2004, 2005), Nepala Esperantista Junulara Organizaĵo (2004, kandidatiĝis al la landa sekcio de TEJO), Irana Junulara Esperantista Organizo (1993, 1994), Junulara Esperanto-Ligo Israela (1971, 1972). Bedaŭrinde en aliaj landoj la junulara organizo ne ekzistas.

S-ro Song Ho-young resume rimarkigis al ni jenajn 7 mankojn en la junulara movado:

1. Komunikado inter aziaj junularoj kaj TEJO
2. Seriozemo pri respondeco
3. Stabileco
4. Rekordoj de antaŭaj KS-oj
5. Sufiĉa financo
6. Apartenemo de junuloj al organizoj kaj grupoj
7. Lingve kompetentaj junuloj

Laŭ la statistiko pri la nombroj de la partoprenantoj en la pasintaj KS-oj, ĝis la 11a KS, krom KS-oj okazintaj en Japanio, la nombro ĉiam superis 100 (la plej granda estis KS en 1992 en Ĝyeohgju kun 193 partoprenantoj), tamen en la lastaj 5 jaroj partoprenantoj estis ege malmultaj, ekzemple 18 en Iksan en 2004, 30 en Kamogawa en 2005, 18 en Beijing en 2006 kaj 50 en Iksan en 2007. Tiun tendencon oni ne povas ignori, ĉar junularo estas nia espero, kaj tiu fonto jam estas elĉerpiĝanta.

Solvi tiujn problemojn estas ne facile. Junuloj estas ĝenerale malriĉaj, vizo-problemo ekzistas, studentoj havas nur 4 jarojn por agadi, kaj kiam ili eklaboras, libera tempo mankas al ili. Estas notinde, ke en tia situacio, KAEM decidis subvencion al du partoprenontoj el Vjetnamio kaj Barato (bedaŭrinde tiu projekto ne realiĝis). Ĝi havas planon okazigi similan KS-on en sud-Azio (Srilanko, Barato, Nepalo kaj Bangladeŝo) kaj en sud-orienta Azio (Vjetnamio kaj la ĉirkaŭaj landoj), por kio ĝi volas, ke junuloj havu organizan sperton en tiu ĉi KS. Krome en 2011 en Busano samtempe okazos Japana Kongreso kaj Korea Kongreso, kio espereble instigos la junularan movadon multe.

Movado en Azio gvidata de KAEM komenciĝis ekde 1990 kaj la unua Azia Kongreso okazis en 1996. Antaŭ 1990, kiam du reĝimoj, nome Kapitalistaro kaj Socialistaro, bataleme kontraŭstaris, tiu ombro kovris la tutan Azion. Pro tio mankis amikaj rilatoj inter aziaj landoj, do des pli malfacila estis kunagadoj inter aziaj esperantistoj. En tia situacio japanaj kaj koreaj junuloj (poste ankaŭ kun ĉinaj) komencis KS-on en 1982 kaj seninterrompe okazigis ĝin. Tio estas mirinda afero, kaj nun ni retaksu ĝian gravecon por nia movado. Unuan fojon mi partoprenis en KS kaj spertis la junan etoson. Elkore mi proponas, ke KS-on ĉiuj esperantstoj en ĉiuj landoj apogu por ke nia movado estu pli esperplena.

La venonta KS okazos en la urbo Xiamen, Ĉinio.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Nepalo

## La 10-a Kongreso de Nepala Esperanto-Asocio




La 10-a Nacia Kongreso de Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) okazis la 15-an de novembro 2008 en Padmakanya School, Dillibazar, Katmanduo. Partoprenis 62 esperantistoj, pli ol duono de la tuta membraro de la asocio.

La progamo komenciĝis je la 12:30. La programo estis dividitaj en du sesioj. La unua sesio komenciĝis per la internacia himno “La Espero”. Poste s-ro Mukunda Raj Pathik enkondukis unu-minutan silentperiodon memore al la forpasinta prezidantino de NEJO, f-ino Apsana Giri. S-ro Narendra Bhattrai bonvenigis la kongresanojn. Mukunda diris kelkajn vortojn pri Esperanto kaj la historio de NEspA. S-ro Philip Pierce legis la rakonton pri la Turo de Babel. S-ino Indu Devi Thapaliya rakontis pri sia partopreno pasintsomere en la NASK-kurso en San Diego, Usono, kaj en la Universala Kongreso en Roterdamo, Nederlando.

Reprezentantoj de la Pokhara- kaj Itahari-branĉoj, respektive s-roj Himalal Parajuli, Rudra Adhikari kaj Shree Pokharel parolis pri siaj agadoj, planoj kaj sugestoj siaflanke. La jara kaj financa raportoj estis prezentitaj de s-roj Bharat Ghimire kaj Posh Raj Subedi kaj aprobitaj. La partoprenantoj dankis s-rojn L.P. Agnihotri kaj Philip Pierce pro monhelpo, kiu ebligis aĉetadon de terpeco por NEspA.

La unua sesio finiĝs per parolado de la kunvenestro, s-ro Razen Manandhar, prezidanto de NEspA. En la dua sesio okazis elekto de la nova estraro de NEspA. Jen ties novaj ĉefaj estraranoj:

Prezidanto: s-ino Indu Devi Thapaliya
Vic-prezidantoj: s-roj Narendra Raj Bhattarai, Posh Raj Subedi
Ĝenerala sekretario: s-ro Bharat Kumar Ghimire
Sekretario: s-ro: Himalal Parajuli
Kasisto: s-ro Shree Prasad Pokharel

Raportas: Bharat Kumar Ghimire

## Nepali-Esperanto-Vortaro

La laborgrupo de Nepali-Esperanto-Vortaro finis sian laboron. Ĝi havas nun pli ol 7000 vortojn kun simplaj rektaj klarigoj. De 1991 mi kompilis la vortaron kaj en decembro 2007, vicprezidanto de NEspA (ankaŭ membro de vortaro-laborgrupo) donis la kopion de la provaĵo de la vortaro al NEspA dum ĝia jara kongreso. La 5-membra laborgrupo por la vortaro-komitato estis fondita kun Narendra Raj Bhattarai, Jacob Nordfalk, Poshraj Subedi kaj Philip Pierce. Nia amiko Jacob enmetis la tutan vortaron en la reton por ke ĉiuj povu elŝuti ĝin senpage kaj kontribui nin per sugestoj. Nepala Esperanto-Asocio jam oficiale petis de KAEM financan subtenon por eldoni ĝin. Razen Manandhar www.razeno.blogspot.com

## En la vilaĝo 500 kilometrojn fore de Katmanduo

Ni prelegis pri Esperanto en orienta montara parto de Nepalo la 22-an de oktobro 2008. Mi, s-ro Chol Nath Pokharel kaj Ganesh Neupane vizitis Sarada-mezgrada-lernejon 500 kilometrojn fore de

Katmanduo. S-ro Chol Nath, prezidanto de Orienta Nepala Esperanto-Societo, prelegis pri la naskiĝo kaj utiligo de la lingvo. Li klarigis, kiel ĝi estas pli facila ol gepatraj lingvoj. Li demandis al la gelernantoj, ĉu ili parolas la anglan post 11-jara lernado. Multaj diris, ke ili ne bone parolas ĝin. Kaj li plu diris, ke tri-monata serioza lernado de Esperanto sufiĉas por paroli ĝin. Ankaŭ li rakontis pri la Esperanto-vojaĝo al Eŭropo. Poste, mi prelegis pri la utileco de Esperanto en la nuna mondo. S-ro Ganesh, sekretario de ONES, rakontis pri sia partopreno en la 5-a Azia Kongreso en Barato. Li diris, ke antaŭ tio, li mem ne vere kredis, ke ĝi estas internacia lingvo. Multaj gelernantoj kaj geinstruistoj partopenis la prelegon, ĉar tio estis deviga por ĉiuj.

En la demanda horo, multaj petis lernomaterialojn kaj librojn por la biblioteko. Ni atingis la vilaĝon post unu kaj duontaga piedmarŝado de la busvojo. Bharat Kumar Ghimire

## Nova reto-revuo "Azionia" aperas

Aperis nova reto-revuo pri Azio ekde januaro 2009. La revuo nomiĝas "Azionia" kaj troviĝas ĉe <http://azionia.blogspot.com>. La vorto "Azionia" estas kuniĝo de "Azio" kaj "nia". Ĝi aperigas opiniojn kaj rakontojn de aziaj landoj, pri arto, kulturo, religio, socio, lingvo, literaturo, eduko, arkitekturo, politiko kaj aliaj. Ĝi ankaŭ inkluzivas vidpunktojn de ne-aziaj esperantistoj pri iliaj spertoj en Azio.

Nun, al la revuo mankas artikoloj. Per simpla Esperanto, vi verku artikolojn (ĝis 500 vortoj) pri supre menciitaj temoj. La eldonanto petas ĉiujn azianojn, precipe, gejunulojn, verki kaj sendi ĝin al <razeno@gmail.com>.

Samtempe estas malfermata nova socia reto de azianoj: <http://azionia.ning.com>. Vi povas aliĝi en tiu reto kaj estante membro, vi povas meti informojn pri viaj lokaj agadoj, skribi al aliaj membroj, meti fotojn aŭ videojn kaj ankaŭ babili kun aliaj membroj. Viaj aliĝoj kaj al buntaj aldonoj estas bonvenaj.

Razen Manandhar razeno@gmail.com

# Vjetnamio

## La 4-a Kongreso de Vjetnama Esperanto-Asocio

La 4-a Kongreso de Vjetnama Esperanto-Asocio sukcese okazis matene de la 25-a de oktobro 2008.

S-roj Nguyen Van Loi kaj Nguyen Xuan Thu estis reelektitaj Prezidanto kaj Ĝenerala sekretario respektive. Krom la reelektitaj vicprezidantoj Tran Quan Ngoc kaj Hoang Ngoc Boi, al la nova estrarano estis aldonita juna vỉcpezidanto, s-ino Nguyen Phuong Mai. Plijuniĝas ankaŭ la konsisteco de la komitatanaro: 7 el la 11 komitatanoj ne pli aĝas ol 30.

La ĉefa tasko de la nova oficperiodo estas la preparado de ĉiuj kondiĉoj por kandidatiĝi al Universala Kongreso en 2012. S-ro Lee Jung-kee, prezidanto de KAEM partoprenis en la kongreso kaj salutis.

# Irano

## La 2a Internacia Ekzameno de Esperanto en Irano

La 2a Internacia Ekzameno de Esperanto en Irano okazis la 17an kaj 18an de decembro en elementa nivelo. En ĝi partoprenis 6 personoj, el kiuj 5 trapasis la ekzamenojn kaj ricevis la atestilon de la baza nivelo. Gatulojn al ili!

Jen la listo de la sukcesintoj:

1- Mahmud Mirbozori
2- Elham Khanian
3- Ali Reza Komaji
4- Akbar fekri Abkenar
5- Reza Haji hassanlou

Menciindas, ke nun 11 personoj posedas diplomon de Esperanto je la baza nivelo kaj kompare kun la najbaraj landoj tio estas rimarkinda!

Reza Torabi" <torabireza@gmail.com>

# Israelo

## Sukcesa KIES en Israelo




La 23-25an de oktobro okazis la 9-a Komuna Israela Esperanto-Semajnofino (KIES). La 32 partoprenantoj gastis dum du noktoj en ĉarma gastejo en la druza vilaĝo Bet-Ĝan (Supra Galileo) kaj ĝuis variajn ekskursojn, kulturan kaj socian agadon kaj pliajn interesajn programerojn.

La programa ĉeftemo estis "Folkloro, religioj kaj minoritatoj". Kadre de tiu temo okazis ekskurso al la araba-kristana vilaĝo Ĝish (Gush-Ĥalav) kaj vizito de la Ĉerkesa vilaĝo Riĥanija; la partoprenantoj konatiĝis kun la druza kulturo (kutimoj, religio, manĝaĵoj ktp) per folklora prezentaĵo kaj spektis lumbildojn pri triboj kaj minoritatoj en Tajlando kaj Vjetnamio. Aldone okazis natura migrado. Kompare al la pasintjara KIES en Jerusalemo estis iom malpli da partoprenantoj. Tamen, la partoprenantoj estis tre kontentaj de la etoso, de la programo, de la gastejo kaj de la vetero.

Amri Wandel <amri@huji.ac.il>

## Ĉinio

# Disdonado de E-diplomoj en Foŝan

Augusto Casquero <augustocasquero@gmail.com>

La 26an de novembro okazis oficiala kaj kortuga ceremonio de disdonado de diplomoj al la gelernantoj de la kurso de Esperanto, okazinta en la Altlernejo pri Porprofesiaj kaj Teknikaj Studoj de la ĉina urbo Foshan, proksime de Kantono.



Kvindeko da gelernantoj (kaj kelkaj profesoroj) ĉeestis la kurson. La gelernantoj, kiuj aktive kaj entuziasme partoprenis la kurson, ricevis la diplomon "Parto A". Ĉiuj esprimis sian deziron daŭrigi la lernadon de la internacia lingvo, kio okazos ekde marto ĝis junio 2009. Dum la instruado oni uzis ĉiujn pedagogiajn kaj teknikajn rimedojn. Ja tiu altlernejo estas sufiĉe bone ekipita. Unu el la plej ŝatataj partoj de la kurso estis tiu, dum kiu oni kontaktis pere de la reto esperantistojn el aliaj landoj, ĉefe junaj (el Pollando, Francio, Ukrainio, ktp). Ili havis la eblecon aŭskulti kaj paroleti kun tiuj alilandaj samideanoj. Vere ili restis ravitaj pro tiu sperto.

La etoso de la kurso estis tre agrabla. Ĉiuj gelernantoj estis vere laboremaj kaj diligentaj, kaj tre ĝentilaj. Por mi, kiel profesoro, ankaŭ tiu sperto estis ege agrabla, kaj pro tio mi revenos al Ĉinio

por daŭrigi la instruadon, en respondo al la insista peto de ĉiuj. Speciale oni devas danki la direktoron de la lernejo, s-ro Peng Jin, organizanto kaj motoro de la kurso, kaj la lokajn esperantistojn, s-roj Lin, prezidanto de la Esperanta Asocio de Kantono, kaj Liu Weizhuan, ĝenerala sekretario, kaj kun-instruanto de la kurso.

Por la daŭrigo de la kurso "Parto B", oni anoncas pli amasan partoprenon. Eĉ multaj el la lernantoj de la hispana lingvo enviis siajn kolegojn, kaj volas baldaŭ aliĝi al la kurso de Esperanto. Ĝenerale ekzistas ideo, ke por ĉinoj lerni fremdajn lingvojn estas malfacile. Tamen mi ne spertis tion. Eĉ mi povas diri, ke ĉinoj pli facile lernas fremdajn lingvojn ol alilandanoj la ĉinan. Sola malagrablaĵo por mi estas la fakto ke, kvankam ni ĉiam propagandas, ke pere de nia lingvo oni povas koni aliajn landojn kaj kulturojn, havi amikojn en la tuta mondo, tamen tio rilate ĉinojn estas nur duonvero. Ege malfacilas por ili havi la eblecon vojaĝi al aliaj landoj. Ni havu la esperon, ke Esperanto helpos detrui ne nur la lingvajn barojn, sed ankaŭ la doganajn barojn.

## Akademia forumo de la Pekina Esperanto-Asocio 2008

Akademia forumo de la Pekina Esperanto-Asocio 2008 okazis la 23-an de decembro 2008 en la Pekina Normala Universitato. Tia akademia forumo estas kune organizata de la Pekina Federacio de la Rondoj de Sociaj Sciencoj kaj la Pekina Normala Univeresitato ĉiujare. Tiu-ĉi estas la oka. Ses pekinaj esperantistoj donis siajn prelegojn.

Li Weilun, subprofesoro de la Pekina Universitato de Lingvoj kaj Kulturoj, pensas, ke estas du solvoj por la Esperanto-edukado en Ĉinio: uzado de Esperanto kiel ilo por eduki infanojn lerni aliajn fremdajn lingvojn kaj kreado de nedeviga kurso de Esperanto en lernejoj. Li prezentis la sperton de la Esperanto-kurso en iu elementa lernejo en Taiyuan, ĉefurbo de Ŝanxi-provinco.

Li Jianhua, redaktoro kaj ĵurnalisto de la Gazeta Oficejo de “El Popola Ĉinio”, prelegis kun la titolo “Esperanto-movado en Tajvano”, konigante la historion de Esperanto-movado en tiu-ĉi

provinco ekde 1913, kiam la japana esperantisto Kodama Shiro fondis la Tajvanan Filion de Japana Esperanto-Asocio, ĝis la 1990-aj jaroj, kiam la Esperanto-movado tie multe disvolviĝis.

Zheng Bocheng, esploranto de la Ĉina Centro de Preventado kaj Kontrolo de Malsanoj, raportis laŭ la temo "Esperanto kaj terminologia laboro". Li rimarkis, ke kelkaj pioniroj de terminologio estis esperantistoj. Nur Esperanto, la plej sukcesa plana lingvo ĝis nun, kapablas ŝarĝi sur sin la pezan taskon funkcii kiel perilo de terminoj inter diversaj lingvoj. Li montris liston de pli ol cent terminaroj en diferencaj lingvoj kaj Esperanto.

Wang Shanshan, adjunktino de tradukisto, Ĉina Internacia Radio, prelegis sian tezon "Efiko kaj manko de Esperanto en la interkultura disvastigo". La sekcio de Esperanto en la ŝtata radiostacio sola en la mondo, la Departemento de Esperanto de la Ĉina Internacia Radio, radioaŭdigas kvarfoje ĉiutage en Esperanto. La Esperanta TTT-ejo de tiu radio funkcias ekde 2002.

La tezo de profesoro Liu Haitao de la Ĉina Universitato de Komunikado nomiĝas "Esperanto kaj akademia esploro". Li parolis pri la rilataj literaturoj, kiujn li sukcesis kolekti. Kaj li konfesis, ke multaj ĉinaj esperantistoj ankoraŭ ne sukcesis doni sufiĉan gravecon al teoria esploro.

Zheng Bocheng <bochengzheng@yahoo.com.cn>
Ĝenerala sekretario de Pekina Esperanto-Asocio

## Kvina Kongreso de la Pekina Esperanto-Asocio

La 28-an de decembro 2008 (dimanĉe) la Kvina Kongreso de la Pekina Esperanto-Asocio okazis. Pli ol 40 pekinaj esperantistoj ĉeestis la kongreson, dum tiuj, kiuj malsukcesis ĉeesti, prezentis siajn opiniojn skribe.

Nova estraro estis elektita kun s-ro Nan Youli kiel la prezidanto, s-ro Ye Nian-xian kiel la ĝenerala sekretario, s-ro Xu Ŝanxuan kiel la ĉefkontrolisto. Unu de la karakterizaĵoj de tiu nova estraro estas juniĝo, t.e. ke la nomoj de kelkaj junuloj estis metitaj en ĝia nomlisto. (Zheng Bocheng)

## Super-Esperanta-kurso malfermis en Beijing

Beijing-Espero-Stelo-Kultula Centro starigis la super-Esperanta-kurson inter la 5-a kaj la 21-a de januaro dum 16 tagoj en Beijing. La Unua Esperanto-kurso de PEC malfermiĝis la 5an de januaro. Kvin studentoj el Harbino, Heilongjiang Sciencteknika Instituto partoprenis, kiuj jam lernis elementan Esperanton de prof. Song Ping ekde la lasta marto, 2008. Profesoroj Wen Jingen kaj Wei Shan profesie instruas tute Esperante. La studentoj lernas Esperanton tuttage en la centro. Kvar el ili jam partoprenis la 5-an Nordorientan Esperanto-Kongreson okazintan en majo 2008 en Harbin. songheshu <songheshu@126.com>

## 2008-Esperanta Forumo de la monto Lushan




Por memorfesti la 100-an datrevenon de Esperanto en Ĉinio kaj la establon de la 100-a datreveno de la UEA, la 18an-19an de oktobro 2008 en la monto Lushan en Jiangxi-Provinco, okazis

2008-Esperanto-Forumo de la monto Lushan en la urbo Jiujiang de Jiangxi-provinco, suda Ĉinio kun la temo "Profiti per kaj por Esperanto". Sume 50 esperantistoj el 12 provincoj kaj regionoj partoprenis en ĝi. Ĉeestantoj vojaĝis al la pejzaĝo de la monto Lushan. La forumo estis plene sukcesa. Wang Le tian

## Pakistano

### La 31-a Jara Kongreso de PakEsA

La 31-a Jara Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) okazis la 20an-21an de decembro 2008 en Markaz, Chowk Shahidan, urbo Multan. Samideanoj el Multan, Lahore, Gujranwala, Narowal, Khanewal, Bahawalpur, Rahim Yar Khan, Sialkot, Murree, Lajjah, Lukki Marvat, Bhawalpur, Noshehrah (NWFP) kaj aliaj urboj partoprenis.

Post la legado de versoj el la Nobla Kurano, ĉiuj sinprezentis. Poste okazis ĝenerala kunsido de PakEsA, en kiu la reprezentantoj raportis pri siaj agadoj. Prezidanto de PakEsA s-ro Shabbir Ahmad Sial raportis pri la atingoj de 2008. En la dua tago oni diskutis kaj decidis la labor-planon por 2009. Jen estis nove elektitaj estraranoj:

Prezidanto: s-ro. Shabbir Ahmad Sial (Lahore)
Ĝenerala sekretario: s-ro Abdul Quddoos Shafqat (Multan)
Prezidanto de PEJO: s-ro. Irfan Mehdi (Lahore)
Ĝenerala sekretario de PEJO: s-ro. Muhammad Afzal (Lahore)

Abdul Quddoos Shafqat shafqat_pakesa@yahoo.com

## Koreio

### Aperis nova subvencio por Korea Esperanto-Junularo

KIM Hi-seok kaj KIM Jin-ho proponis al Korea Esperanto-Junularo fondi novan subvenci-sistemon por ke gejunuloj

partoprenu en enlandaj Esperanto-eventoj. Ili garantiis mondonaci ĉiujare almenaŭ 1,000,000 wonojn (ĉ. 550 eŭrojn). Tuj post tio aliaj 4 koreaj esperantistoj promesis subvencii pli da mono al KEJ.

KEJ publikigis ĝian oficialan aliĝilon elŝuteblan en sia retejo, kaj 9 gejunuloj ricevis duonon de la sumo de la kotizo plus veturkoston por la 17-a Namkang-Esperanto-Lernejo. Danke al la nova sistemo, ĝin partoprenis sume 11 gejunuloj. La nombro de la partoprenantoj superis 40. KEJ apogos la sistemon por plimultigi siajn membrojn, plialtigi ilian lingvan kapablon, kaj fine pliaktivigi junularan movadon en Koreio.

SONG Ho-young Prez. de Korea Esperanto-Junularo

# Turkio

## La 2-a Mezorienta Kunveno en Turkio

La 2-a Mezorienta Kunveno, kiu okazos en Iznik, Turkio, de la 3-a ĝis la 6-a de aprilo 2009, kun ebleco de post-kongreso en Istanbulo en la postaj tagoj, ricevas pli kaj pli da atento kaj aliĝoj. La prez-kondiĉoj estas nekredeble bonaj kaj Turkio estas unu el la ŝlosilaj landoj por kompreni pri la rilatoj inter Okcidento kaj Oriento. Iru al la paĝo: http://arabujo.afriko.org/mk/starto.php, aŭ iru al la paĝo: http://arabujo.afriko.org/ kaj klaku sur "La 2-a Mezorienta Kunveno".

La lokoj, Iznik, Bursa kaj Istanbulo, estas absolute vidindaj. La programo estos tre riĉa. Kial vi mem ne proponas prelegi sub la ĝenerala temo "Meza Oriento"?

La renkontiĝo kun la mezorientaj esperantistoj estos neforgesinda. Vi kontribuos al la renkontiĝo inter Okcidento kaj Oriento kaj al la unuaj komunaj iniciatoj de esperantistoj en Meza Oriento. Vi povas ankaŭ rekte kontakti la organizantojn per la ret-adreso: <mezorienta.kunveno@gmail.com>

La Komisiono Meza Oriento kaj Norda Afriko de UEA

# Zamenhofaj Festoj en Azio

## 1. Harbin, Ĉinio

La 19-an de decembro 2008, la Esperanta Kurso de Heilongjiang-Sciencteknik-Instituto okazigis Interkonatiĝan Vesperon por celebri la 149-jaran naskiĝtagon de Zamenhof (1859-12-15 - 2008-12-15), bonvenigi Novan Jaron 2009 kaj fini sian studadon de Esperanta Kurso por studentoj el Heilongjiang Sciencteknika Instituto. 120 studendoj el tiu Instituto kaj 12 esperantistoj el Harbin, Jiamusi, ĉeestis ĝin.

Prof. Song Ping el Heilongjiang-Sciencteknik-Instituto prezidis la Renkotiĝan Vesperon, ĉiuj esperantistoj prezentis sin en Esperanto, poste prof. Yan Ren faris belan paroladon, sekve la gastoj donis premion al studentoj en Parola Esperanta Konkurso. Sekve gestudentoj kantis tri kantojn, prezentis muzikan dramon, montris modernan dancon. Sur la muro estis slogano en Esperanto kaj en la ĉina "Servu por la socio kaj kreu la harmonian socion per Esperanto".

Song Ping <songheshu @126.com>

## 2. Tianjin, Ĉinio

Festante la 149-jariĝon de naskiĝtago de Ludoviko Zamenhof, la 14-an de decembro Tianjin-a Esperanto-Asocio okazigis 2008-jarkunvenon en la Agad-centro de Tianjin-a Sociscienca Ligo. La kunvenon ĉeestis pli ol 60 asocianoj kaj ĉina fama veterana esperantisto s-ro Zhu Mingyi el Pekino.

La asoci-prezidanto s-ro Han Zuwu faris koncizan raporton pri la resumo de 2008 kaj laborplano por 2009.

Sekve estis kvin prelegoj: "Orienta saĝo kaj taktiko pri popularigo de Esperanto" de Gao Chengyuan, "Fraztipoj de Esperanto" de Ma Xin, "Rolo de legado en lernado de fremdaj lingvoj" de Zhu Mingyi, "Zhou Zuoren kaj Esperanto" de Fu Xiaofeng kaj "Mia vidpunkto pri ĉina Esperanto-movado" de Han Zuwu. La tuta jarkunveno estis plena de la Esperanta etoso.

Han Zuwu

## 3. Pindongo, Tajvano

Ĉi-jara Zamenhof-festo okazis en bela pindong-a kulturejo “Semaro-kafejo" la 14an de decembro. Pli ol 65 partoprenantoj ĉeestis la feston kun feliĉa kaj scivolema humoro.



La kombinaĵo de partoprenantoj estis tre bunta. De dekjaraj geknaboj ĝis la 75-jaraĝa emerita profesoro; komencantoj de Esperanto, meznivelaj kaj altnivelaj esperantistoj, esperantofremdaj junuloj kaj esperantaj geamikoj.

Okazis prelego "Mirindaĵoj de Esperanto-lando" de prof. Cho Chaoming (Abengo) kaj "Kio estas plandmasaĝo?" de Kevin Shih, “Argilumado” de f-ino Brila Lin. Sekvanta programo estis la aerobia danco gvidata de tre bela instruistino f-ino Ye He-jun. Fine Reza dankis al la ĉeestantoj, la kunlaborantoj, gastoj kaj lernantoj de Pingdong-a Mezaltlernejo kaj anoncis la oficialan fermon de la festo je la sesa horo vespere. Cho Chaoming <cmcho@so-net.net.tw>

## 4. Nepalo

Nepala Esperanto-Asocio celebris Zamenhoftagon ĉe sia oficejo vespere la 15an de decembro 2008. Venis entute 12 samideanoj kaj 4 lernontoj. Ĝi estis malgranda sed tre signifoplena kunveno, kiam homoj estis seriozaj kaj nur parolis pri la kreinto de

la internacia lingvo, d-ro Esperanto, kaj lia kontribuo al la homaro.

Komence Philip lumigis kandelon antaŭ la portreto de Zamenhof. Li rakontis pri la hebrea lingvo kaj Zamenhof. Bharat rakontis pri Ramajana, Nararaĵ dankis al Zamenhof pro tio, ke tiu kreis la internacian lingvon. Mukunda rememorigis al ni, ke la patro de Zamenhof bruligis liajn verkaĵojn, sed li finfine sukcesis krei la lingvon. Mi legis paragrafon de la parolado de Zamenhof dum la unua Esperanto-Kongreso:

Poste, Jacob montris kiel funkcias lia tradukmaŝino el la angla al Esperanto. Li disdonis kopiojn de la Nepali-Esperanto-vortaro al la ĉeestantoj. Je la fino de la programo, la partoprenantoj kune kantis la internacian himnon. Razen <razeno@gmail.com>

## 5. Israelo

En la Zamenfofa Festo kaj Landa Jarkunveno okazinta en Tel-Avivo la 16an de decembro partoprenis 46 membroj. Oni aŭdis raportojn pri la jara agado kaj elektis novan estraron. Okazis libera debato pri la estonta agado, aparte pri la temo pri kiel pligrandigi la nombron de la esperantistoj en Israelo.

Sekvis du hebrelingvaj prelegoj pri per-esperantaj vizitoj en Japanio, unu de novlernantino de Esperanto, la alia de grup-gvidantino, kiu prenis sian (neesperantan) grupon al dutaga vizito ĉe Oomoto, Japanio. La arta parto enhavis kantadon kun muzika akompano de originalaj kaj esperantigitaj hebreaj kantoj kaj deklamado de memverkitaj poemoj.

Fotoj ĉe http://picasaweb.google.com/Amri.nivut/ZF161208#

## 6. Tokio, Japanio

La 6an de decembro okazis en Tokio Esperanto-Festo, alinome Zamenhofa Vespero, kiun organizis 8 Esperanto-grupoj, kaj ĉeestis 68 homoj. Prelegis japanlingve s-ro Ikeuti Hisao pri "La angla lingvo, Esperanto kaj multlingveco". S-ro Ikeuti, interpretisto de la angla kaj membro de Japana Esperanto-Instituto, dediĉis unu ĉapitron al d-ro Zamenhof kaj Esperanto en sia verko pri la angla

lingvo. Li emfazis, ke plurlingveco igas nian vivon produktiva.

Dua prelego estis "Svislando, mozaiko de kontrastoj" de Mireille Grosjean. En sia prelego ŝi detale bildigis la kvar-lingvan socion, kiu reliefigis ankaŭ kontraston de du landoj, Svislando kaj Japanio. Forte impresis la ĉeestantojn sendependeco kaj harmonia vivo de svisoj per la pluraj komunaj lingvoj.

Poste la ĉeestantoj diskutis en grupoj laŭ kelkaj temoj. Ne mankis kantado, salutoj de novaj esperantistoj, prezento de libroj kaj gaja bankedo vespera.

Syozi Keiko <syozik@qa2.so-net.ne.jp>

*En Japanio multloke okazis Zamenhofa Festo. Estas neeble aperigi ĉiujn raportojn, do kiel simbolo ĉi tie estas raporto en Tokio.

## 7. Seulo, Koreio




Vespere de la 13a de decembro 2008, Korea Esperanto-Asocio (KEA) festis la 149an Zamenhofnaskon en Seula Junulara Gastejo, Seulo. En la festo partoprenis 41 homoj, esperantistoj kaj gratulaj gastoj. Oni retrovidis vivon de d-ro Zamenhof per lia biografio, kiun prezentis s-ino CHO Myoung-ja (KEA-estrarano). D-ro PARK Wha-Chong, prez. de KEA, diris en la saluto: "D-ro Zamenhof, plenumante sian deziron por realigi pacan mondon, ege suferis pro socia malvarma traktado pri komuna lingvo, kaj pro malfacila

monrimedo por Esperanto-movado. Nun ni, esperantistoj, frontas malfacilaĵojn kaŭzatajn de granda forto de la angla lingvo kaj de la monda ekonomia krizo. Tamen ni ne ŝanceliĝu, kiel Zamenhof ne cedis al la angoroj dum sia tuta vivo. Ni, kun mano en mano, sekvu la vojon, al kiu nia majstro nin gvidis".



En la festo, prof. LEE Young-Koo (KEA-eksprezidanto) raportis pri la festo por memori esperantisto-pioniron SOK Ju-myong (D. M. Seok, 1908~1950) okazinta en la 18a de lasta oktobro en Jeju. SOK Ju-myong estis mondfama scienculo pri papilioj; ĝenerala direktoro de Korea Esperanto-Instituto (1945~1950) eldonis elementan Esperanto-lernolibron (1947); lekciis pri Esperanto en universitatoj en la 1940-aj jaroj. Li proponis, ke oni skribu en Esperanto resumon de tezoj por zoologia gazeto de Tokia Universitato. Kaj verkis resumon de siaj studaĵoj nepre en Esperanto. La eventon aranĝis 'Memoriga Societo pri SOK Ju-myong' kune kun instancoj en Jeju-urbo, okaze de la 100-jara jubileo de lia naskiĝo. Al SOK Ju-myong omaĝis per dediĉo de 'Majstro de Scienco-Teknologio' la Ministrejo pri Edukado kaj Scienco-Teknologio kaj Akademio pri Korea Scienco-Teknologio, en la 11a de la lasta novembro.

En la 2a parto, oni kantis, deklamis Esperanto-poemojn, ludis muzikilojn kaj konkursis per koreaj kantoj tradukitaj en Esperanton. Geedzoj s-ino KO Kyung Ja kaj s-ro An Jongsoo (iama ĝenerala sekr. de KEA) gajnis la grandan premion per la kanto 'Senhoma Insulo', kaj la gajnintoj tostis per la Zamenhofa Pokalo farita de KEA. KIM Uson <kimuson@unitel.co.kr>

## 8. Hanojo, Vjetnamio

Matene de dimanĉo, la 14an de decembro 2008, en salonego de la nove konstruita sidejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Rilatoj, Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) solene organizis Zamenhofan Tagon por celebri la 149-an naskiĝdatrevenon de L.L. Zamenhof.

Partoprenis multnombraj esperantistoj el Hanojo, membroj de Vjetnama Junulara Esperantista Junularo (VEJO), studentoj el Lucien-Péraire-Klubo ĉe Fremdlingva Universitato – Hanoja Nacia Universitato.

S-ro Nguyen Xuan Thu, ĝenerala sekretario de VEA, legis la bilancon de la jaro 2008, listante plenumitajn taskojn kaj ankoraŭ ne plenumitajn farendaĵojn kaj prezentis la planon por la jaro 2009. S-ro Nguyen Van Ha, membro de Centra Komitato de VEA, rakontis kelkajn anekdotojn kaj faktojn rilatajn al Zamenhof kaj Esperanto. Gejunuloj el Lucien-Péraire-Klubo kontribuis per kantoj en Esperanto kaj ĉarmaj, freŝaj kaj allogaj dancoj en nacia kostumo kaj muziko.

Rimarkindas, ke lastatempe, nia amiko Le Thanh Tung, VEJO-ano kolektis aron da paroladoj de Zamenhof kaj daŭre sendis ilin al la listo vjetnamaj-esperantistoj. VEA presis tiun kolekton sub formo de broŝureto kaj disdonis ĝin al la ĉeestantoj.

Okaze de la Zamenhof-Tago, estis publikigita la lasta bulteno "Verda Mesaĝo el Vjetnamio" sub ĝia ĝisnuna formato. Ekde 2009, paralele kun niaj retaj paĝaroj http://e.vea.vn (en Esperanto) kaj http://vea.vn (en la vjetnama), la papera versio estos publikigita kun multobligita papera A5-formato kun 32 paĝoj. La papera versio ĉiam publikiĝos regule ĉiutrimestre kaj ĉiam gardos sian nomon "Verda Mesaĝo el Vjetnamio".

La kunveno finiĝis per kvizo kun premioj, kies temo rilatis al Zamenhof kaj Esperanto. Nguyen Thu <autuno32@yahoo.com>

## 9. Hajderabado, Barato

La 13an de decembro, ni festis Esperanto-tagon en Hajderabado. Malgranda grupo de 14 homoj kunvenis ĉe la germana kulturcentro Goethe Zentrum. Mi parolis (anglalingve) pri la lingvo Esperanto, ĝia komunumo kaj iom pri la loko de Esperanto en la pli granda kadro de lingvaj homaj rajtoj, aparte en Barato.

S-ro Rohan DHARWADKAR parolis (ankaŭ anglalingve) pri sia esperantistiĝo. La ĉeestantoj ankaŭ spektis la mallongan filmon

de Claude Piron "The Language Challenge - Facing up to reality".

S-ro Siva KOTHA kaj mi muntis ekspozicieton de Esperantaĵoj - libroj kaj revuoj priesperantaj en la angla, Esperanto, sanskrito, kaj telugua; vortaroj, lernolibroj, romanoj, bildostrioj, porinfanaj libretoj. Post niaj paroladoj, ni eĉ vendis kelkajn ekzemplerojn (fotokopiitajn) de la lernolibro kaj vortaro de d-ro Ranga.

La aranĝo estis la tria en la serio "lingvaj tagoj", kiujn kunorganizas la franca kulturcentro Alliance Française, la germana kulturcentro Goethe Zentrum, lokaj universitatoj Osmania, kaj Universitato por la angla kaj fremdaj lingvoj, kaj la Universala Esperanto-Asocio. Post la sukcesa Eŭropa Tago de Lingvoj festata en Hajderabado en oktobro, tiuj ĉi lingvaj tagoj daŭre metas lingvojn kaj plurlingvismon en la publika menso. Jam okazis la Franca-Tago kaj Kroata-Tago - por tiu lasta vigle kunlaboris amiko Siva. Goethe Zentrum tre afable donis al ni la spacon kaj ebligis la tutan aranĝon.

Por Siva kaj mi, estis aparta plezuro renkonti amikon Rohan, kiu venis de la urbo Vadodaro (en la gubernio Gugharato) por ĉeesti tiun ĉi aranĝon. Rohan studas la francan kaj lingvistikon en la universitato M-S-Universitato en Vadodaro. Li memlernis Esperanton. Li diris, ke li jam skajpumis 6-7-foje, sed ke ni estas liaj unuaj 'vivantaj' alparolatoj! Ĉiaokaze, lian fluan lingvouzon ni ĝuis ĝis malfrue en la nokto!

A Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com

## Ekspozicio de tamtamoj




Ĉiun monaton s-ro Hori Jasuo (Japanio) montras Esperantaĵojn en la loka poŝtoficejo. Januare li prezentis tamtamojn el Japanio, Nepalo, Ĉinio, Mongolio, Barato, Kanado, Kenjo, Peruo ktp. kun la informo de Esperanto.

Historio

# Esperanto en Indonezio (3)

Heidi Goes

**Ĝis la unua E-Konferenco en Indonezio (1960)**




**4. Provoj rekomenci la movadon**

En oktobro 1948 la ĝenerala sekretario de la nacia nederlanda Esperanto-asocio L.E.E.N. en la revuo Nederlanda Esperantisto alvokis sciigi la nomojn kaj adresojn de samideanoj (militistoj kaj civiluloj) por starigi ian kontakton inter izolitaj esperantistoj en Indonezio. Tamen la nederlandanoj ne sukcesis restarigi iun Esperanto-movadon en Indonezio.

S. Mamesah en 1949 eldonis la revueton Indonesia Perspektivo en Makassar, sed ni estas certaj nur pri la aŭgusta numero.

En 1950 Laborista Esperantisto kaj Sennaciulo ambaŭ sciigas la fondiĝon en Ĝakarto de Indonezia Esperantista Asocio, kiu 'celas kunigi ĉiujn esperantistojn troviĝantajn en Indonezio por pli forta

propagando'. Tamen ni ĝis nun ne trovis iun ajn indikon pri kiu starigis ĝin kaj kion la asocio efektivigis.

Ni povas diri, ke jam rapide post la milito, en periodo maltrankvila pro tio, ke la nederlanda registaro ankoraŭ ne agnoskis la sendependecon de Indonezio*1, estis provoj relanĉi la movadon, kaj de nederlandanoj, kaj de indonezianoj, sed sen multe da sukceso.

*1: La 17an de aŭgusto 1945 Soekarno deklaris Indonezion sendependa, sed nur la 27an de decembro 1949 Nederlando akceptis tion kaj nur en 2005 Nederlando agnoskis, ke Indonezio jam ekzistas de 1945 kaj ne de 1949.

**5. Sukceso pro virina fervoro**

Rankajo Chailan Sjamsu Datu Tumenggung, ĵurnalistino, eklernis Esperanton en 1951, dum vojaĝo tra Eŭropo. Ŝi partoprenis la Universalan Kongreson en Munkeno kaj poste pasigis tri monatojn en Nederlando, prelegante en Esperanto pri Indonezio kaj pri la matriarka sistemo ĉe sia popolo, Minangkabau, en Sumatro. Post reveno en Indonezio ŝi eklaboris por 'konstrui E-movadon en Indonezio' kaj ŝi bone sukcesis. Ŝi trovis malnovajn esperantistojn, kiuj helpis ŝin kaj unu monaton post ŝia reveno ekzistis jam grupo en Ĝakarto kaj en Medan (tie gvidata de Hasan Basri).

En 1952 ŝi starigis Indonezian Universalan Esperanto-Asocion, poste nomita Indonezia Esperanto-Asocio. Plejparto el la movado en la sekva jardeko en Indonezio iniciatiĝis pro ŝia laboro, sed ankaŭ Liem Tjong Hie daŭre laboris kaj eldonis, ankaŭ en la postaj jardekoj. Konkretaj agadoj konsistis el starigo de kursoj, kaj sinsekve de kluboj en la grandaj urboj sur diversaj insuloj, kaj de eldono de revuoj, lernolibroj kaj vortaroj. La movado kulminis dum la unua Konferenco en aprilo 1960 en Ĝakarto.

Revuoj

En januaro 1953 estis eldonita la unua numero de la revuo La modera Voĉo de Indonezia UEA, de kiu aperis minimume tri numeroj kaj kiun Datu Tumenggung redaktis kaj preskaŭ tute verkis. Ekde 1954 la revuo Voĉo el Indonesio malregule aperis, ankaŭ ĝi

sub la redaktado de la prezidantino de la Indonezia Esperanto-Asocio. Ekde 1958 la nomo ŝanĝiĝis al Voĉo el Indonezio. Ĉi tiu unua serio daŭris ĝis minimume aprilo 1960. Same en 1958 (junio) Liem Tjong Hie relanĉis sian propran trimonatan gazeton sed kun alia nomo, Indonezia Esperantisto, kiu aperis dum minimume du jaroj. Tamen li ankaŭ verkis por Voĉo el Indonezio, kio montras almenaŭ iun kontakton inter la du aktivuloj.

Kluboj kaj movada vivo

Post la starigo de la IEA Datu organizis plurajn kursojn en diversaj urboj. La lernantoj starigis plurajn klubojn, kiuj funkciis kiel sekcioj de IEA. En 1959 ili jam estis dek krom la centro en Ĝakarto: en Bandung, Jogjakarto, Magelang, Lubuk Linggau, Semarang, Surabajo, Malang, Den Pasar, Waingapu kaj Makassar. Do ses en Javo, plus po unu en Sumatro, Balio, Celebeso kaj Sumba.

Post la kursoj okazis ekzamenoj kun festo, dum kiu Datu transdonis la diplomojn kaj prelegis al lernantoj. Tio denove vekis intereson kaj varbis novajn kursanojn. Kelkfoje oni partoprenis en ekzpozicio aŭ en la Komerca Borso por Virinoj kiun ŝi organizis kaj ankaŭ tiel oni trovis multajn novajn kursanojn. En 1954 en la Alta Instruista Lernejo en Bandung, komenciĝis E-kurso, gvidata de f-ino De Jager. Ĉi tiu estis menciita kiel la unua ŝtata lernejo, en kiu Esperanto estis instruata. Aliaj kursoj okazis en pluraj neŝtataj lernejoj.

Pluraj indonezianoj iĝis estraranoj en internaciaj organizaĵoj, kiujn ŝi prezidis, nome Sudazia Esperanto-Federacio kaj Islama Esperanto-Asocio. Tio ne estas miriga, se oni enkalkulas, ke la movado en Indonezio estis rigardata kiel la plej organizita en la regiono, nome en la unua numero de Sudazia Bulteno, organo de la Sudazia Esperanto-Federacio, la 15an de decembro 1958, Tibor Sekelj, kuniniciatinto de la Federacio, skribis: “La esperantistoj de tiu ĉi regiono, kiuj ĉiam estis malmultaj kaj ne organizitaj (krom en Indonezio), sentis sin izolitaj unuj de la aliaj, kaj de la resto de la

Movado. Iu ligilo delonge estis bezonata.“

**Rankajo Chailan Sjamsu Datu Tumenggung** naskiĝis en Sumatro la 6an de aprilo 1905. Ŝi apartenis al la Minangkabau-popolo, kiu havas matriarkan kulturon. Pri tio kaj pri multaj aliaj por- kaj privirinaj temoj ŝi ofte prelegis kaj verkis, kaj en Esperanto kaj en la indonezia kaj angla lingvoj. Ŝi estis konata ankaŭ pro tio, ke ŝi organizis ĉiujare la Komercan Borson por Virinoj en Ĝakarto. Komencinte en Munkeno en 1951 ŝi partoprenis plurajn Universalajn Kongresojn kaj prelegis interalie dum ISU en Oslo kaj en Montevideo, kie ŝi vizitis la Universalan Ekspozicion. Ŝi vigligis kaj plifortigis la Esperanto-movadon en Indonezio de 1952 ĝis minimume 1960. Ŝi estis prezidantino de Indonezia Esperanto-Asocio, de Sudazia Esperanto-Federacio kaj de Islama Esperanto-Asocio. Ŝi iniciatis kaj subtenis eldonon de pluraj lernolibroj kaj vortaroj verkitaj de aliaj indoneziaj esperantistoj. En februaro 1963 la revuo Esperanto menciias ŝian morton, sed sen pliaj detaloj pri mortokaŭzo aŭ -dato.

Lernolibroj kaj vortaroj

En la jaroj 50 eldoniĝis pluraj lego-, kaj lernolibroj kaj vortaroj verkitaj de diversaj indoneziaj esperantistoj. Ekzemple en 1952 aperis lernolibro de Pramudja kaj alia de Hasan Basri (kiu en 1970 verkis ekzercaron por ĝi), en 1956 Lim Ek Thoean aperigis lernolibron, en 1958 aperis malgranda vortaro kaj lernolibro de M. J. Soekirdjo Dirdjosoebroto, kaj lernolibro de Sie Ping Oen. En 1958 aperis ankaŭ kursetoj en la porinfanaj gazetoj Kawanku (Mia amiko) el Jogjakarto kaj Meladipri el Medan. En 1960 la Esperanto-grupo de Medan, Sumatro, eldonis pli ol 200-paĝan vortaron de la mano de Hasran Basri kaj Liong Soen Kiat.

Liem Tjong Hie, kiu jam antaŭ la milito multe aktivis, ankaŭ post la milito daŭrigis. Lia eldonejo post la sendependiĝo nomiĝis

Indonezia Esperanto-Instituto. Li verkis aŭ tradukis plurajn lernilojn, kiujn li ankaŭ mem eldonis: en 1960 enkondukan lernolibron kun vortaro, kaj libreton pri la strukturo, evoluo kaj progreso de Esperanto, kaj en 1961 tradukon de la Fundamento (inkluzive la vortaron).

Legolibroj de Arwani aperis en 1954 (Ĉirkaŭ la domoj kaj kortoj en Indonezio, kun dua eldono en 1958) kaj 1957 (Mia Esperanta Dialoglibro).

**6. Kulmino: Unua Konferenco de IEA**

En 1959 la Indonezia Esperanto-Asocio volis per kongreso celebri la Zamenhofan Jaron. Tamen pro kelkaj malfacilaĵoj, interalie ĉar Datu restis longe en Eŭropo post la UK en Varsovio kaj ĉar la organizantoj ne ricevis permeson por granda kongreso, la aranĝo prokrastiĝis ĝis aprilo 1960 kaj aliformiĝis en konferenco. De la unua ĝis la tria de aprilo 1960 kunvenis en Ĝakarto 'simpatiantoj, delegitoj de niaj grupoj, kaj unuopaj malnovaj geesperantistoj el diversaj regionoj de nia Patrujo'.

La programo komenciĝis per ekspozicio kun libroj, gazetoj, broŝuroj kaj korespondaĵoj inter esperantistoj. Pro antaŭa alvoko sendi esperantaĵojn, oni povis montri eldonaĵojn el eksterlando apud tiuj de la Indonezia Esperanto-Asocio. Okazis paroladoj de la guberniestro de Ĝakarto, la ambasadoro de Pollando kaj la reprezentanto de la ministerio pri Edukado, Instruado kaj Kulturo. Post tio kelkaj esperantistoj surscenigis la dramon 'La Esperanto-domo', en kiu estis priskribata la kunvivo inter diversaj popoloj de la mondo, kiuj povas vivi amikece kaj paceme nur per unu lingvo, Esperanto. Dum kunsidoj en la konferenco estis ankaŭ deciditaj pluraj organizaj aferoj pri la organo, la statuto, membrokarto, ktp. Oni prokrastis la aliĝon de IEA al UEA, kaj planis la duan konferencon en Jogjakarto. La esperantistoj Datu Tumenggung, Pramudja kaj Yaziz Widjajakusuma faris paroladojn.

Laŭ raporteto de Datu Tumenggung estis la unua fojo, kiam ili oficiale reprezentis la Esperanto-movadon al la indonezia popolo

kaj precipe al la registaro de la republiko. Same laŭ ŝi la eminentuloj de la registaro montris dum la konferenco grandan intereson kaj simpation al la Esperanto-movado en Indonezio, kaj dum kelkaj tagoj poste la ĵurnaloj publikigis longajn artikolojn pri Esperanto. Partoj de tiuj artikoloj poste aperis kun traduko en Voĉo el Indonezio.

*** Alvoko**

Ĉiuj informoj pri la movado aŭ pri individuaj Esperantistoj (nederlandanoj aŭ indonezianoj) en la tiama Nederlanda Hindio aŭ en la posta kaj nuna Indonezio, ekz. personaj spertoj aŭ korespondaĵoj, bonvenas ĉe Heidi.Goes@gmail.com.

*** Danko**

Provlegis Roland Rotsaert kaj Germain Pirlot, al kiuj la aŭtoro dankas.

==================================================

## Alvoko el Hirosima

## Por Internacia Virina Tago 2009

Okaze de la Internacia Virina Tago de UN, 2009, ni virinoj de Hirosima, Japanio, havos kunvenon sub la temo: Vivo kaj Kulturo, protekti vivon de infanoj kaj kune vivi en familio.

La vivoj de infanoj, de geknaboj estas minacataj de militoj, konfliktoj en la mondo kaj sub ekonomia krizo. Rajtoj de infanoj libere vivi estas forrabitaj. Granda deziro de ni virinoj estas protekti kaj flegi la vivojn de infanoj.

Ĉiun jaron virinoj en Hirosima internacie alvokas pacon al la mondo, kaj interŝanĝas solidarecajn mesaĝojn tutmonde. Ankaŭ ĉi-jare ni volas ricevi vian mesaĝon kun viaj nomo, sekso, profesio, urbonomo kaj lando ĝis la 20a de februaro. La mesaĝojn ni publikigos en la kunveno.

s-ino OSIOKA Taeko osioka@mail.goo.ne.jp

## Eventoj en Azio en 2009

2.7~ 2.8/ Vintra Lernejo 2009/ Osako, Japanio
2.21~ 2.22/ La 9a Barata Kongreso de Esperanto/ Puneo, Barato
2.26~ 3.10/ La 8-a Internacia Himalaja Renkontiĝo/ Nepalo
4.3~4.6/ La 2-a Mezorienta Kunveno/ Iznik, Turkujo
4.25~ 4.26/ La 19-a Internacia Kurskunveno de Esperanto/ Chongdo, Koreio
5.3~ 5.5/ La 42-a Tutlanda Esperanto-Seminario/ Sendai, Japanio
5.9~ 5.10/ La 83-a Kyusyu-Esperanto-Kongreso/ Miyazaki, Japanio
5.15~ 5.18/ La 1-a Seminario de Pekina Esperanto-Centro/ Pekino, Ĉinio
6.6~ 6.7/ La 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo/ Takatuki, Japanio
6.6~6.7/ La 58a Kantoo-Esperanto-Kongreso/ Tokio, Japanio
6.14/ "Tago de Esperanto" memore al la 90-jariĝo de Japana Esperanto-Instituto, Esperanto-Domo/ Tokio, Japanio
6.25~ 28/ La 4-a Internacia Meditado-Renkontiĝo/ Koreio
6.27~ 30/ La 2-a Junulara renkontiĝo de Oomoto kaj Ŭonbulismo/ Koreio
9.3~ 4/ La 1-a Irana Esperanto-Kongreso/ Irano
10.1~ 07/ Seminario pri Silka Vojo-Turismo per Esperanto/ Samarkando, Uzbekio
10.10 ~12/ La 96-a Japana Esperanto-Kongreso/ Yamanasi, Japanio
10.11 ~ 13/ Jarkunveno de Ĉina Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF)/ Ŝanhajo, Ĉinio
10.15-16/ Seminario pri instruado de Esperanto en Lushan/ Jianĝi, Ĉinio
10.17 ~18/ La 2-a Lushan Esperanta Forumo/ Lushan, Jianĝi, Ĉinio
10.24 ~25/ La 41-a Korea Esperanto-Kongreso/ Seulo, Koreio
12.30 ~ 2010.1.2/ Transjara Kurskunveno de EPA/ Kameoka, Japanio

? ~?/ La 28a Komuna Seminario/ Xiamen, Ĉinio

## Donu informon pri Laoso

La lando Laoso estis elektita kiel 'Lando de plej pacema' el 140 landoj en 2008. KAEM havas konkretan planon semi Esperanton en la paca lando Laoso, en kiu ankoraŭ ne troviĝas Esperantisto kurantjare. Sub la slogano 'Verdigi Azion', KAEM kursos Esperanton en aprilo kaj post la kurso intencas starigi Esperanto-organizaĵon en Laoso.

De la 4-a ĝis la 14-a de aprilo, 2009 s-ro LEE Jung-kee vizitos Laoson por instrui Esperanton kunlabore kun s-ino Klarita Velikova, prezidanto de Monda Esperantista Ligo de Sportistoj. Jam li havas amikan kunlaboron kun laosano, rektoro de la universitato, kiu nun memlernas Esperanton. Antaŭ lia aprila starto al Laoso, li kolektos informojn kaj anticipe aranĝos konkretan planon.

Jen li petas vian helpon kaj kunlaboron. Hazarde, se vi havas amikojn aŭ konatojn, kiuj loĝas en Laoso, bonvole donu koncernatajn informojn al li. Se ili havus intereson pri Esperanto kaj volus lerni ĝin, li volonte kontaktos ilin.

Kontaktu s-ron LEE Jung-kee (prez. de KAEM)
esperanto(@)saluton.net

## Dankon al 8 koreoj

Jenaj 8 koreoj donacis monon por Fondaĵo Azio:
1. S-ino JOUNG Hyeon-Ju, 2. S-ro KIM Jin-ho, 3. S-ino JOUNG Myung-hee, 4. S-ro KIM Hee-seok, 5. S-ino CHONG Ye-ja, 6. S-ro PARK Yong-sung, 7. S-ro MA Young-tae, 8. S-ino MIN Hyun-kyung

## Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj

1. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto) <esperanto@saluton.net >
   Azia Kongreso kaj ĝeneralaj aferoj (Jarlibro de KAEM ktp.)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto)
   <tqngoc38@yahoo.com.vn >

Projektoj Ĉ (Edukado), Movado en sudorienta Azio

3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto) <wrxzj@tom.com>
   Projekto D (libroj), Movado en nordorienta Azio
4. Barato: s-ro Ranganayakulu (sekretario/kasisto) <ranganayakulu@gmail.com>
   Sekretaria kaj kasa laboroj (Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK), suda Azio
5. Japanio: s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
   Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA), rusa Azio
6. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
   TTT-ejo de KAEM, Movado en Afganio
8. Nepalo: s-ino Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
   Junulara movado en la mez-suda Azio
9. Taĝikio: s-ro Saidnabi S <saidanbi@mail.ru> meza Azio
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado)/ s-ino TAHIRA Masako (provlego)/ s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

Koreio: s-ino CHO Myung-ja, s-ino CHOI Eun-suk

**UEA**

S-ro Probal Daŝgupta (Prezidanto, Barato) <probal53@yahoo.com>

S-ro HORI Jasuo (Estrarano pri landa kaj regiona agadoj, Japanio) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

-----------------------------------------------------------------------------------------


## Esperanto en Azio

Eldonanto: KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27